# Esperanto HAMBURG



1/1996

Februaro/Marto

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.


## 81-a Universala Kongreso en Prago



## Enhavo



## Kluba Laboro

Baldaŭ denove estos jarĉefkunveno; jam denove pasis unu jaro, dum kiu multaj klubanoj laboris por nia afero.
Ofte oni ne konstatas, kiom da laboro iu faras, ĉar tiu laboro okazas sen bruo, sen ke aliaj vidas ion de tio.

Dankon al ĉiuj, kiuj diligente laboras por la prospero de nia lingvo Esperanto!

Benno Klehr

## Editoraĵoj

**Esperanto Hamburg**

**Eldonanto**: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Straße 95, D - 20535 Hamburg
✆ (040) 2 50 30 65
*Postbank Hamburg (BLZ 200 100 20)*
*Kto. 173 22 - 207*
**Ĉefredaktoro**: *Benno Klehr, Oelkersallee 31, D - 22769 Hamburg, ✆ (040) 43 51 97*
**Grafika koncepto**: *Gerd Tigges, 21029 Hamburg*
**Aranĝo kaj produktado**: *Benno Klehr*

**Redaktofino de n-ro 2/1995:**
**9 - 3 - 96**

## Se vi volas vojaĝi al Prago,

demandu en nia biblioteko pri libroj, vortaroj kaj fotolibroj (en Germana lingvo).

## Sentenco

**Mia, Min kaj Mi — en la mondo ĉiam regas tri.**

## Ĉu vi jam pagis vian kotizon por la jaro 1996 ?

# Jarĉefkunveno de HES 1996

La jarĉefkunveno de Hamburga Esperanto-Societo r. a. okazos la 22an de Februaro 1996, je la 20a horo en la Esperanto-Domo, Klaus-Groth-Straße 95, 20535 Hamburg.

**La tagordo de la jarĉefkunveno havas la kutiman aspekton.**

**Ĝi enhavas jenajn punktojn:**

- **1 - Jarraporto**
- **2 - Kasraporto**
- **3 - Raporto de la revizoroj**
- **4 - Raporto de la konsilantaro**
- **5 - Senŝarĝigo de la estraro**
- **6 - Elektoj**
- **7 - Buĝeto kaj kotizoj**
- **8 - Diskuto kaj decido pri proponoj**
- **9 - Diversaĵoj**

Atentu!

Proponoj al la jarĉefkunveno devas atingi la estraron ĝis la 8a de Februaro 1996.

---

# Jupp Kühnel membro dum 50 jaroj

Josef "Jupp" Kühnel naskiĝis en Vieno, la 27an de Februaro 1910. Profesie li laboris pri telekomunika tekniko, akiris la postenon de *Oberamtmann* kaj fariĝis *poŝta inĝeniero*. Nun li vivas kiel pensiulo kun sia edzino *Hertha* en Hamburg.

Jam kiel gimnaziano li havis kontakton al Esperanto en 1927 kaj unu jaron poste partoprenis en kurso. En 1929 Josef Kühnel ĉiĉeronis en Vieno.

De tie li translokiĝis en 1938 al Hamburg, kie li geedziĝis en 1941 kun Hertha. Naskiĝis al ili tri infanoj inter 1942 kaj 1947.

Post la dua mondmilito li laboris en la laborista Esperanto-movado (SAT) kaj vizitis la lokan grupon, kiu renkontiĝis por rekonstrui la Esperanto-movadon. En 1946 la Britaj aŭtoritatoj permesis fondi societojn. Jupp Kühnel estis unu el tiuj aktivuloj de la "unua horo" de Hamburga Esperanto-Societo.

**Okaze de la 50a datreveno la estraro de HES kore gratulas!**

# Hannelore Brunow und Hella Lanka vom ADAC geehrt

Am Sonntag, dem 14.1.96, nachmittags im CCH erhielten Hannelore Brunow und Hella Lanka vom ADAC die goldene Plakette für die erfolgreichen Lösungen der 16 Aufgaben beim Hanseatischen Touristik-Wettbewerb 95 "Auf den Spuren unserer Dichter"; Klaus Groth, Matthias Claudius, Klopstock, Hebbel, Reuter, Th. Storm, Liliencron, H. Löns, Kinau.
Sie fuhren zur Suche und Lösung der Aufgaben durch Schleswig-Holstein, Mecklenburg-Vorpommern, Lüneburger Heide, Brandenburg und Hamburg-Finkenwerder.

*Hella Lanka*

Hannelore Brunow kaj Hella Lanka ricevis premion de aŭtomobil-klubo ADAC pro sukcesa solvo de *turisma konkurso 1995.* La tasko estis, serĉi lokojn kun rilatoj al nordgermanaj poetoj en la nordaj federaciaj landoj de Germanio.

---

**Ni dankas al ĉiuj membroj,
kiuj jam en Decembro pagis
siajn kotizojn por 1996.
Tio treege helpis al la kasistino,
pagi la fakturon de la riparo
por la doma tegmento
sen perdi la favoran rentumon
de nia ŝparlibro, kiu havas limdaton
nur en Februaro 1996.**

La estraro de HES

# Survoje al universala civilizacio

Esperanto Hamburg atingis leteron de la prezidanto de la Barcelona Esperanto-Centro, datumita je la 10-a de Oktobro 1995. Ĝi tekstas jene:

"Sro Benno Kehr, redactoro de "Esperanto Hamburg".
Estimata sinjoro: ni sendas al vi, en aparta poŝtsendo, du ekzemplerojn de la verko „Survoje al universala civilizacio", kies aŭtoro estas Giordano Moya Escayola. Ni deziras, ke en „Esperanto Hamburg" aperu recenco pri tiu verko kaj por tio ni tre dankas vin. La prezidanto"

Evidente temas pri donaco, pri kio ni kore dankas. La libroj trovos lokojn en nia biblioteko kaj estos prunteblaj. Por tiuj, kiuj ŝatas aĉeti tian libron, jen la adreso de la eldonejo: Barcelona Esperanto-Centro, Carreras Candi, 36 en 08028 Barcelona (Hispanio) kaj la I.S.B.N.: 84-605-3105-8. La prezo ne estas konata.
Sur la dorsflanko de la kovrilo estas bildo de la aŭtoro kaj priskribo de la enhavo:
„La verko eltiras el la naturoj de la naturo, de la vivo kaj de la homo, la trajtojn de la senkonscia socia evoluo, karakterizita de konkurado kaj militoj. Ĝi analizas la kompleksecon de la historia disvolviĝo impulsata de interplekto da faktoroj, militaj, materialaj kaj spiritaj. Ĝi reliefigas la nuntempan civilizacian krizon pro la manko de akordo inter la fakta mondunuiĝo kaj la ankoraŭ ne realigita homarunuiĝo. Ĝi avertas pri la risko de homarpereo pro atommilito, kiu alligas ĉiujn homojn al komuna destino. Ĝi enfazas la rolon de la esperantismo kaj ties interna ideo, homaranismo, por atingi prosperan kaj pacan socion, survoje al universala civilizacio."



**La aŭtoro: Giordano Moya**

Leganted la 200 paĝojn de la eseo oni trovas multajn lingvajn erarojn kaj tajpfuŝojn (konsilindas la tekstprogramo ĈAPELILO por eviti almenaŭ la tajpfuŝojn). La leganto verŝajne bezonas apartan vortaron por kompreni la tekston. Estas pluraj vortoj, kiuj ne troveblas en Esperanto-vortaroj. Verŝajne estas esperantigitaj hispanaj vortoj. Krome la frazoj estas longaj kaj ne invitas al ĝua legado. Verkoj, kiuj de la aŭtoro estas nomataj sciencaj (kiel ankaŭ ĉi-tie), havas tre ofte tian ŝvelparolan lingvaĵon, kiuj donas aspekton de scienceco. Kiom scienca la libro fakte estas, juĝu la leganto mem.
Legeblas bedaŭrinde nur malmulte pri la sintenokaj mensa stato de la homoj, kiuj ordonas militojn, kaj pri tiuj, kiuj faras kaj suferas ilin. Nek troviĝas traktado de la demando, kial homoj uzas pli da perforto ol necese por sukcesi en konkurado, nek provo eltrovi, kial homoj kondutas alimaniere kiel amaso ol kiel individuoj.
La aŭtoro ja pravas, ke la apartaj socioj kunfandiĝis kiel tutmonda socio pro la komuna sorto de ĉiuj homoj voli supervivi malgraŭ la minaco de pereo pro atommilito aŭ venenigo de la medio. Liaj konsideroj pri tiu temo bedaŭrinde estas malpli ampleksaj ol la priskribo de la historia evoluo de la socioj. Mankas esploroj ĉu la ĝisnunaj sociaj evoluoj okazis laŭ hazardoj, internaj aŭ eksteraj kondiĉoj devigaj aŭ raciaj konsideroj. Do ankaŭ ne videblas ĉu en la hodiaŭa socia evoluo ekzistas taŭgaj elementoj gvidantaj al paca universala civilizacio.
Tamen, la priskribo de la ĝisnuna socia evoluo de la homaro estas sufiĉe interesa kaj leginda. La verko povas doni instigojn kunlabori en la konstruo de la universala civilizacio. Do legu la libron, okupiĝu pri homaranismo kaj esperantismo. Uzu vian esperantistecon ne nur por turismaj kaj amuzaj celoj, sed ankaŭ por pli da humaneco en la mondo.

*Frank Merla*

# NIA TERURA ENIGMO 

| | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 |
| 13 | | | | | | | | | 14 | | |
| 15 | 16 | | | | | | | 17 | | | 18 |
| 19 | | | | | 20 | | 21 | | | | |
| 22 | | 23 | 24 | 25 | | | | 26 | 27 | | |
| 28 | | | | | | | | | | 29 | |
| 30 | | | | 31 | 32 | | 33 | | 34 | | |
| 35 | | | 36 | | | | | 37 | | 38 | |
| 39 | | 40 | | 41 | | 42 | | | 43 | | 44 |
| 45 | 46 | 47 | | | | 48 | 49 | | | | |

## Horizontale

**1.** Ŝipo de Kolumbo. **9.** Besta sinonim' de blankeco. **13.** Maldolĉa floro. **14.** Pli ol normale. **15.** Sen ĝi ne falu libere libervole. **17.** Malmonaĥaran'. **19.** Denova ekhavo. **21** Apartenanta al manplato. **22.** Simple voviĝi. **24.** Aŭtosigno en Monopoli. **25.** Enloĝanto de Llanwrda aŭ Caernarfon. **27.** En nekonata tempo. **28.** Estro de dungitaj soldatoj. **29.** Kiam vi estas tro ĝentila aŭ tro moderna, diru tion. **30.** Medolujo. **31.** Foje ĉe orl', foje ĉe kolumo ornamaĵo. **33.** Dancanta dungit' **35.** Balenoptero sen dentoj. **37.** Via kuzo rilate al la bopatrino de via onklo. **39.** Hodiaŭ Rembrandt havus tiun signon. **40.** Arbedo kun farunaj fruktoj. **43.** Imag' pri io neatingebla. **45.** Fino de la mondo. **46.** Muzika peceto de grupo. **48.** Laŭ la maniero de Hinda asketo. •

## Vertikale

**1.** Stefano en Zodiako. **2.** La sent'. **3.** Neamasa. **4.** Ternukso. **5.** Surface ŝanĝi. **6.** Tralavad'. **7.** Tombolok' de Karolo Piĉ. **8.** Festa poemo. **9.** 1/12 de futo. **10.** Hejmlando de Kolumbo. **11.** Malbela vizaĝo. **12.** negativa elemento de neŭtrono. **16.** Ŝpruc-nebulo. **18.** Malpepono. **20.** Religia ag' en Eritreo. **21.** Petoj al kredito. **23.** Medicine interna. **25.** Mal' de 9 horizontale. **26.** En suda Amerik', dum... **32.** ...fluas ĝi en Francio. **34.** Ekzemple segi oblikve. **36.** Ŝlosil' sen seruro. **38.** Ne veturu kun aŭto sed tiel. **41.** Malhalt'. **42.** Tiel parolis la maljuna tribestro. **44.** Dolorkrio en kaverno. **47.** Tie la prezidanto nomiĝas Jorge. **49.** Feliĉa lando geedziĝas. •

Klubejo malfermita ĵaŭde ekde 18:30. *Manĝoj*: 19:00 - 19:30. *Programo*: 20:00. *Studrondo:* sabate en semajnoj kun para numero: 14:00. *GIS*: unufoje monate; informoj: Tel. (0 40) 58 71 82 aŭ 7 38 45 08. *Paroliga Rondo*: ĉiun mardon: 18:30.

Klubhaus donnerstags ab 18:30 geöffnet. *Essen*: 19:00 - 19:30. *Programm*: 20:00. *Studrondo*: sonnabends in geraden Kalenderwochen: 14:00. *GIS*: einmal im Monat; Auskunft: Tel. (0 40) 58 71 82 oder 7 38 45 08. *Paroliga Rondo*: Di. 18:30.

## FEBRUARO

**1** *Benno Klehr:*
**Klubaj Aferoj**

**8** *Sylvia Pöhlmann:*
**Planoj de la junularo**

**15** *Frank Merla k.a.:*
**Raporto pri la Internacia Festivalo**

**22** **Jarĉefkunveno de HES** (invito sur p. 3)

**29** *Hella Lanka:*
**Video: La kvin koloroj de Koreio / La UK en Prago**

## MARTO

**7** *Frank Merla:*
**Literatura Vespero**

**14** *Benno Klehr:*
**Klubaj Aferoj**

**21** Hella Lanka:
**Sur la spuroj de niaj poetoj**
Diapozitivoj pri aŭtoveturado en norda Germanio

**28** Pia Haasis:
**Pereintaj reĝlandoj en Indonezio**

**4a** **de Aprilo: "Ovokunveno"**

**Solvo de enigmo 5/95**

| | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| K | A | L | E | Ŝ | O | R | A | I | S | S | A |
| A | G | I | T | E | P | E | R | S | I | K | O |
| N | O | M | A | R | E | Ĝ | I | M | O | R | R |
| A | R | A | P | O | R | I | Ĝ | O | R | I | T |
| J | A | K | O | B | E | N | O | R | I | B | O |
| L | F | O | Ŝ | E | J | F | L | U | G | I | L |
| O | O | L | I | T | O | T | U | S | I | H | O |
| E | B | U | R | E | K | I | P | I | N | E | J |
| S | I | T | E | L | O | R | O | D | A | N | A |
| T | O | R | N | A | D | O | L | U | L | I | L |

## GEFA kaj GIS

*Germana Esperantista Fervojista Asocio* kaj *Gesellschaft für Internationale Sprache* havas **komunajn renkontiĝojn** en domo de la Germana Fervojo en Altona, kutime – ne ĉiam – la duan Sabaton monate. Oni renkontiĝas je la 10a horo antaŭ la "Vojaĝ-Centro" (Reisezentrum) en la fervoja stacio de Hamburg-Altona. Informoj: Tel. 58 71 82

*Mia unua Zamenhoffesto*

*Antaŭ pli malpli unu jaro mi eklernis Esperanton kaj fariĝis ano de Hamburga Esperanto-Societo. Mi ofte vizitis klubvesperojn, sed bedaŭrinde nur koniĝis kun kelkaj membroj de HES. Ŝajnas, ke ĉiam la sama grupo renkontiĝas ĵaŭde. Des pli mi ĝojis, ke je la 2-a de Decembro mi povis festi mian unuan Zamenhoffeston kun multaj Esperantistoj kiujn mi ĝis tiam ne konis. Kvankam mi ne eksciis la nomojn de ili, mi tre ĝuis la feston kaj la certecon, ke ekzistas pli da samideanoj en Hamburgo ol mi supozis. Espereble mi iam povos pli bone ekkoni kelkajn de ili dum la senkvonta jaro.*

*Krome la festo mem fariĝis tre bona. Estis evidente, ke la organizantoj havis multan laboron sed ankaŭ ĝojon kontentigi la gastojn. La salono estis ornamita kun bona gusto, la kuiristoj surtabligis tre delikatan kvin-pladan menuon kaj la membroj de Salitaj Haringoj prezentis plaĉan kadroprogramon, ekzemple skeĉon de Loriot nomata „la ovo estas malmola". La gastoj tre amuzis sin. Mi tre miris pri la bona ebleco traduki tiun tekston el la Germana lingvo en Esperanton sen perdi la pinton. Por mi tio denove estis la pruvo, ke Esperanto estas vivanta lingvo kaj funkcias en ĉiu rilato. Do mi volas danki al ĉiuj homoj kiuj donis sian kontribuon al la sukceso de la Zamenhoffesto. Por mi resume restos du konkludoj de tiu festo. Unue, ke en HES mi troviĝas en grupo de afablaj kaj plaĉaj Esperantistoj, kaj due, ke mia decido lerni Esperanton estis ĝusta, ĉar mi iom post iom ekkonas, kiom esprimpova tiu lingvo estas.*

*Hamburgo en Decembro 1995*
*Heike Hagen*




*Bondezirojn al*
*Friedel Kogel,*



*kiu fariĝos 85-jara*
*la 3-an de Marto 1996*




# Seminario pri Eŭropo en Hamburgo

Dum du tagoj (9-a kaj 10-a de decembro 1995) kunsidis fakuloj pri "Esperanto en la kadro de Eŭropa politiko" en la klubejo de la Hamburga Esperanto-grupo. Partoprenis 20 partoprenantoj el ĉiuj partoj de Germanio, kiuj diskutis parte en Esperanto, parte en la germana.

La enkondukaj prelegoj servis al pliprofundigo de la scioj pri la Eŭropa Unio (inkluzive de ĝiaj lingvaj reguloj). Parolis la prezidanto de Germana Esperanto-Asocio (GEA) Frank Stocker el Heidelberg kaj Ulrich Brandenburg, germana diplomato el Bruselo. En 1996/1997 okazos la registaraj intertraktadoj pri Maastricht II, kiuj konduku al faciligo de la laborkondiĉoj: kio okazos pri la lingva reĝimo, kie restos la lingva egalrajteco? Kion ni esperantistoj kontribuu?

Poste lingvaj aferoj eĉ pli moviĝis en la centron. Dr. Werner Bormann, hejma en Hamburgo, informis pri okazantaj laboroj pri ekspertizo, kiun verkantaj sciencistoj proponos al la institucioj de la Eŭropa Komunumo. La prilaborantoj el Germanio, Hispanio, Nederlando, Belgio kaj ĉefe Italio jam prenis kontakton kun s-ino Emma Bonino, membro de la Komisiono de la EK, do ties "registaro".

Dr. Detlev Blanke el Berlin skizis la sciencpolitikajn aspektojn de niaj klopodoj. Li informis pri aperintaj verkoj pri la Eŭropa lingvoproblemo el la plumoj de lingvistoj. De tie eblis lerni, kiujn kriteriojn "mondlingvo" devas plenumi. Bedaŭrinde troviĝas antaŭ ni esperantistoj ankoraŭ multe da laboro (dum la angla, forte antaŭenŝovata de niaj registaroj, ankaŭ de la germana, ankaŭ de la Hamburga Senato, gajnis atentvekan pozicion).

Je la dua tago ĉiu partoprenanto ricevis kopion de letero verkita de germana EŭropParlamentano responde al la propono de GEA por Esperanto en Eŭropo. Oni devis elpreni ties ĉefajn argumentojn – ĝenerale kial Esperanto laŭ la opinio de la skribinta politikisto ne taŭgas. Tiel kompiliĝis listo pri obstakloj, kiujn bonaj kontraŭargumentoj devus refuti. Tiu laboro daŭros.

La etoso de la laborriĉa semajnfino estis pliagrabligita pro la unuaklasa prizorgado – inkluzive de varmaj manĝaĵoj! – fare de Hamburgaj klubfunkciuloj. La alveturintaj gastoj admiris la lokajn esperantistojn, ke ili atingis la sukceson posedi tiel belan kaj taŭgan klubejon. De la afergvidantino de GEA, Dr. Ursula Niesert, aŭdiĝis la propono, pli ofte uzi la bonegan eblon seminarii en Hamburgo, kies malcentran situon mildigas la rapidegaj ekspresttrajnoj en Germanio.

*Dr. Werner Bormann*

**Se vi havas ideon pri seminario, kiu povus okazi en la domo de HES, bonvolu kontakti la estraron!**

# 81-a Universala Kongreso
# 20 – 27 Julio 1996

| Kongreskotizoj por Germanoj (en Guldenoj) | ĝis 31a de Marto | poste |
| --- | --- | --- |
| 1. ne individua membro de UEA | 338 | 402 |
| 2. individua membro en 1996 | 270 | 324 |
| 3. kunulo/junulo/handikapulo, ne individua membro | 202 | 242 |
| 4. komitatano/kunulo/junulo/ handikapulo, membro de UEA | 135 | 162 |

# Vizitu la "Oran Urbon"

La urbo Prago (ĉeĥe Praha) ne nur estas la ĉefurbo de la Ĉeĥa Respubliko kun pli ol unu miliono da enloĝantoj, sed ĝi estas malnova centro de Eŭropa kulturo kaj Eŭropa historio. Jam en la 6a jarcento oni konstruis la unuan kastelon en la loko da la hodiaŭa *Hradˇcany*, kie la prezidanto de la Ĉeĥa Respubliko havas sian sidejon. La urbo kreskis pro la favora situo apud la rivero Vltava (Germane: Moldau), kie kruciĝis komercaj stratoj de salo kaj sukceno.

En Prago regis Ĉeĥaj reĝoj kaj Aŭstraj imperiestroj. La unua universitato norde de la alpoj estis fondita en 1348 en Prago. Ĝis 1945 ĝi estis centro de Ĉeĥa kaj Germana kulturoj. Konataj Germanlingvaj personoj estis Kafka, Werfel, Kisch kaj Rilke.

Malgraŭ la naziaj teruraĵoj, kiuj okazis en Ĉeĥio, Germanoj estas afable prizorgataj hodiaŭ. Post la socialisma tempo Prago rapide ŝanĝiĝis al okcidenta urbo – kun hoteloj laŭ okcidenta nivelo (kaj okcidentaj prezoj!). Tamen ne timu: La prezoj ne estas tiom altaj kiel en Hamburgo, kiam vi iras al vendejoj aŭ restoracioj.

Prago ne perdis sian ĉarmon, ĉarmo de urbo kun longa historio, kie oni povas vidi tiom da vizitindaj lokoj, kiel la foirejon kun la malnova urbodomo (kun astronomia horloĝo), judan kvartalon kun multaj vidindaĵoj, multajn kirkojn, palacojn, stratensemblojn, pontojn (speciale: Ponto de Karolo) kaj la kastelon kun la katedralo.

Benno Klehr

# SHELO en Februaro al Flensburg

Danaj kaj Ŝlesvig-Holstiniaj Esperantistoj renkontiĝos por ***kafoklaĉo*** en Flensburg. La Danoj havas la eblecon, per buso malmultekoste vojaĝi al Flensburg por aĉetumi, precipe dum "longaj sabatoj". Per tia "Butterfahrt" eblas ankaŭ Esperanta renkontiĝo.
Se la ideo trovos sufiĉan intereson, eblas aranĝi tiajn renkontiĝojn 3- ĝis 4-foje jare.
La unua kunveno okazos **la 3an de Februaro 1996, je la 11a horo** en la restoracio de la magazeno "Karstadt" en Flensburg.
Informoj ĉe Christian Darbellay, Tel. 04 31 – 73 50 16

---

# SEFT 1996
## Somera Esperanto Familia Tendaro
## Somera Esperanto Feria Tendaro

tempo: 7a ĝis 14a de Julio 1996

loko: tendejo "Zeltplatz am Dreetz-See" Thomsdorf, regiono de urbeto Feldberg

kondiĉoj: memprizorgado (tendo, manĝoj, tendeja programo)

SEFT-ideo: komuna tendumado, uzante la lingvon Esperanto de mateno ĝis nokto.

programo: migrado tra la naturo, ekskursoj, vesperaj kunvenoj, prelegoj, ĉiuvesperaj fabelhoroj ktp.
eblas bani sin normale aŭ vestite en la tuta regiono.

petoj/ rimarkoj: preparu prelegojn, prezentojn por la vesperaj programoj, ĉar SEFT nur vivas el la subteno flanke de ĉiu partoprenanto.

kostoj: nur la kotizo de la tendejo

Pli detalaj informoj haveblas ĉe:

Werner Pfennig
Uns Hüsung 29 / 1104
17034 Neubrandenburg Tel. 03 95 - 42 2 13 98

# Ŝlesvig-Holstinia Esperanto-Ligo invitas al la 1a Hansa Esperanto-Tago

Dato: 19-a ĝis 21-a de Aprilo 1996

Loko: Bäk ĉe Ratzeburg (inter Hamburg kaj Schwerin)

Provizora programo:

**Vendredo:** Post 16 h alveno • 18.30 vespermanĝo • 19.30 interkona vespero

**Sabato:** 8.30 matenmanĝo • 9.00 malfermo • 10.30 prelego pri Estonio
11.30 prelego pri la komerco en la haveno de Hamburg • 12.30 tagmanĝo
14.00 – 17.00 jarĉefkunveno de Dana Esperanto-Asocio;
14.00 – 15.00 SHELO-jarĉefkunveno; 14.00 – 15.00 Laborsekureco: vizito al garaĝo
15.00 kaftrinkado • 15.30 diskutrondo pri Baltmara Kunlaboro • 18.30 vespermanĝo •
19.30 muziko, Haringoj Salitaj, popoldancado

**Dimanĉo:** 8.00 ekumena edifo • 8.30 matenmanĝo • 9.15 prelego pri la malnovgermana kiel ligilo de la Hanso • 11.00 promenado tra Ratzeburg
12.45 ŝipekskurso kun tagmanĝo • 13.00 adiaŭo (Ŝanĝoj eblas, pliaj detaloj sekvos)
Por ebligi la partoprenon de orientaj eksterlandanoj, bv. donaci al la kaso de SHELO.

